# KATOLIKA MONDO

ESPERANTO - ORGANO DE INTERNACIO KATOLIKA

8a Kolekto N° 5 — ALDONO: LA JUNA BATALANTO — MAJO 1927

Redaktejo kaj Administrejo: KŒLN (Germ.)

KUNREDAKTOROJ: *Prof. CAROLFI, OFM, Italujo; Kaspar MAYR, Anglujo; Prelato A. DOMBROVSKI, Litovujo; Pastro MAKARA, Polujo; Prof. P. MUFFANG, Francujo; W. SOLZBACHER, Germanujo; Pastro Johano KOZMA, Hungarujo.*

Oni sendu manuskriptojn kaj pagojn nur al KOELN-Lindenthal.






Aperas Monate - Fondita 1921

ABONO: *egalvaloro de 1,25 sv. fr. kvaronjare. Oni mendu ĉe la Ĉefadministracio aŭ ĉe la Poŝtoficejo.*

REKLAMO: *Po unucentimetra kolonero egalvaloro de 2,00 sv. fr.* - ANONCETOJ *po enpreso (gis 15 vortoj) 0,75 sv. fr. (antaŭpage).*

POŜTĈEKAJ KONTOJ: *Beograd 68009. Bruxelles 185734. - Budapest 59169. - 's Gravenhage 125537. Köln 76105. - Paris 80061. - Praha 77396. - Roma 1/2600. - Warszawa 190972. - Wien 162473.*


# ĜIS LA LIMOJ DE L' TERO.

Mi esperas, ke la sekvanta artikoleto pri la Eskimo misio, « la hejmo de l'heroismo



**Apostola prefekto P. ARSENIUS TURQUATIL,**
**Oblato de Mario Senmakula, apostolo de la Eskimoj.**

kaj de la suferoj », povos veki kaj pliprofundigi la entuziasmon por la misioj de nia Sankta Eklezio ĉe la legantoj de Katolika Mondo. Tiu pripenso pravigos, mi opinias, formon kaj enhavon de mia malgranda rapnorto. (*)

Dum hodiaŭ en ĉiuj landoj la batalistoj de Kristo atingas venkojn kaj venkojn pri la princo de l' mallumo, la suno de la katolikiuismo komenciĝas eklumigi ankaŭ la Eskimojn en Kanado, la plej norda popolo de Ameriko, verece loĝanta la limojn de l' tero.

La malfacilecon de tiu misio nia Sankta Patro estas tre ĝuste ekkoninta, nomante la misiistojn tie supre laboregantajn kaj suferantajn « la martirojn de la malvarmeco ».

Eskimojn ni trovas en tuta Nord-kaj Orient-Kanado ĝis la bordoj de la Glacimaro. Tie ili tramigradas kiel nomadoj la senarbarajn regionojn. Nek firmajn domojn nek vilaĝojn ili havas. Kelkaj familioj kunvivas kaj kunmigras en amasoj da 30 aŭ 40 personoj.

En somero ili loĝas en tendoj, en vintro en rondaj neĝdom[illegible] muroj el glaciere-egoj estas konstruitaj.

La nombro de la popolo sumiĝas 14.000, kaj tuj 14000 parolas 8 lingvojn tiel diversajn, kiel diferencas la franca de la hispana aŭ itala. Kia malbono por la misiisto! Ĉu ni devas esperi, ke Esperanto eble sian grandan taskon povos plenumi?

De post 1850 la Oblatoj de Mario Senmakula laboras en tiuj senlimaj neĝ-kampregoj. Jam multajn viktimojn estas postulitaj la teruraĵoj de la lando, al multaj la penadoj kaj suferoj estas rabintaj tro frue sanecon kaj vivon. Pli ol unu troviŝ en la torentoj kaj malvarmegaj lagoj tombon malsekan. Du patroj estis mortigataj per neŝatindaj Eskimoj, avidaj al la pafiloj de la misiistoj. Sed ni esperas, ke la sango de tiuj apostoloj estos la semo de novaj Kristanoj.

La ĉefaj malfacilecoj de la konvertiĝo troviĝis parte ĉe la blankaj enmigrintoj, parte ĉe la indiĝenoj mem.

La malvastaj interrilatoj kun la fremduloj, kiuj en multspecaj komercoj importaj kaj eksportaj travojaĝas la landon, ŝuigas al la primitiva popolo ne nur eŭropan kulturon kaj komercon, sed ankaŭ iliajn malvirtojn, ilian senhontan maljustecon kaj malnoblecon. Bedaŭrinde la diablaj abomenaĵoj de la blankaj komercistoj estas ofte por multaj de tiuj malriĉuloj riĉa fonto de enspezoj. Episkopo Grouard rakontis, ke li mem iufoje aŭdis, ke gepatroj siajn infanojn allogi povas al malĉastaĵoj, kaj kiuj en ilia informis, kiel oni la blankulojn plej facile n alriĉeco konsolis sin, ke iliaj filinoj iam tiamaniere la necesan porvivon povos havigi.

Alia problemo por la misiistoj estas la batalo kontraŭ la superstiĉo, kiu havas siajn radikojn profundege en la animo de la sovaĝuloj. Ilia tuta vivo staras sub la povo de tiu fikredo, kiun la kuracistaĉoj kaj fimedicinistoj pli kaj pli fortikigas. Fine estas ankaŭ la « profetoj », kiuj en vizioj vidas la estonteco, la paciĝistoj de l' spiritoj, bonon kaj vivon de la homoj pereigi serĉantaj; sed kontraŭe ili estas veraj malpaciĝistoj, ofte senkulpajn homojn kiel kaŭzon de iu akcidento aŭ mortigo akuzante kaj tiel sangan venĝemon en familiajn kaj ĉiujn tendarojn importante.

Tre grandan gravecon en la vivo de l'Eskimoj havas ankoraŭ la nekrokulto. El la amaso de iliaj kutimoj ni nur la precipajn volas rigardi.

En la tendo aŭ la neĝ domo de la mortinto neniu plu loĝi devas. Kiu ajn ĉe la morto de iu viro ĉeestis, 3 tagojn, de iu virino, 5 tagojn la tendaron forlasi ne devas. La korpo de mortinto estas enkudrata en bestfelon. Oni nur kun gantoj ĝin tuŝi devas, kaj neniam estas permesite, paroli aŭ tusi dum la entombigo. Por kio? Ah, tio povus ĝeni aŭ forpeli la animon restantan ankoraŭ super la korpo kaj poste en la regno de l' spiritoj rabi al ĝi trankvilon. La mortinto sub granda ŝtonamaso estas entombigata. Kvankam la korpo en mallonga tempo per hundoj kaj



**Eskimo-patrino kun infano.**

---

* Ĝi estas elprenita el parolado de la 88 jara episkopo de l'Eskimoj, Msgr **Grouard**, Oblato de Mario Senmakula, apostola vikario d'Athabaska. Li jam pli ol 60 jarojn vivadas en la « glacio-misioj » kaj semas kun granda diligenteco kaj sukceso la semon de l'Evangelio.

Krom tio mi estas uzinta la libron de Duchaussois « Aux Glaces polaires » kaj « Rasmussens Thulefahrt ».

## NATURSCIENCO

Bestoj sovaĝaj estas konsumitaj, tamen oni dum 3 aŭ 5 tagoj iras al la tombo, paroladas al la mortinto kaj ploradegas je li.

Ĉapitro tre malhela en la historio de l'Eskimoj estas la sorto de l'virino. Ordinare ŝi vivon senĝojan vivadas. Sen sia vol-decido ŝi estas akirata, tre ofte senjustece, malbonece traktata ; sia premio estas mallaŭdoj kaj batoj. Rajtojn ŝi ne havas, sed des pli grandajn devojn. Ne malofte la malsato aŭ la suferoj suferitaj finas ŝian vivon malfeliĉan.

Nur unu ekzemplon mi volas rakonti, kiu montras la kompatindan traktadon de l' eskima virino. Msgr Grouard aŭdis iufoje dum la meso subitan ekploregon. Poste li demandis je la kaŭzo. Ah, nenio graveca, al li oni respondis, viro al sia virino estas detranĉinta la nazon, ĉar ŝi estis malmodesta kontraŭ li. Tio estas kutimo ĉe ni.

En sia plej grava horo, se ŝi naskas infanon, en horo, kiam fremda helpo kaj protekto estus plej necesaj, ŝi devas forlasi la tendaron kaj esti sola en malsato, malvarmeco kaj doloroj kun sia sorto kaj sia infano novnaskiĝinta.

Ho ! kiel feliĉaj estos nun la kristanaj patrinoj eskimaj, nun, kiam la Evangelio estas romponta la ligilojn de tia terura sklaveco.

Sed la misiado malrapide progresas. Krom la malalta kultur-stato de l' popolo, la klimo estas granda malfacileco de sukcesa misi-laboro. Patro Duchaussois la tutan jaron dividas tiamaniere :

Printempo : majo (komenco de l'neĝdegelo) junio (neĝdegelo).
Somero : julio.
Aŭtuno : aŭgusto (falo de l'foliaro).
Vintro : oktobro ĝis aprilo.

Krom tio en la malmultaj printempaj kaj somermonatoj la aero kun tiom da fiinsektoj estas plenata, ke oni resopiras volonte la vintron.

De oktobro ĝis aprilo fortegaj neĝventegoj blovas tra la ebena lando. Similajn blovegojn oni trovas ankaŭ en la Sudo de Kanado kaj ili daŭras ofte 2-3 tagojn. Antaŭ kelkaj jaroj kolonianto en tia subita neĝblovego mizere pereis en sia propra korto inter stalo kaj loĝdomo.

Sed ne ĉio estas malhele kaj senĝoje en jena lando. Se la suno en vintro multajn tagojn tute malaperas kaj kune kun ĝi ĉiu vivo kaj ĝojo, en julio des pli brilege ĝi leviĝas. Tiam fiere ĝi tramarŝas la ĉielon arktikan. Du semajnojn ĝi ne plu subiras en la purpurmaro de l'Okcidento, sed la tuta ĉielo staras en l'admirinda lumo de la noktmezsuno.

Ankaŭ la eskima popolo estas matura por l'evangelio. Mem ĉe la idolanoj la misiisto estas volonte vidata gasto. La Eskimo estas sprita, sciema, voloforta, kuraĝa, neniun danĝeron timanta. Jam pli ol 400 estas akiritaj por la katolika kredo. Tiuj estas vera ornamo por la eklezio de Kristo.

Jam floras la rozoj de diamo mistika inter amasa fiherbo. Mi havas antaŭ mi la bildon de l' juna Kristanino, kiu 2 jarojn kaj 11 monatojn aĝa ricevis la sanktan Eŭkaristion. Ŝi sciis la katehismon en lingvo angla, franca kaj indiana. Iufoje la instruistino parolis al la infano : « Krinjo, kial ci ne preĝas antaŭ la kripo ? Ĝi estas tiel bela, la Jeĉjo tiel kara ». Tiam ĝi respondis : «Ho, la jeĉjo en la kripo ne vivas sed tie ĉi en la altaro, tie, en lia dometo, tie ĉi li vivas, tie paroli mi povas al li. »

Rajte la juna Kristanino estas nomata : « La eŭkaristia floreto en la glaci-kamparoj kanadaj ».

Iĝu baldaŭ la tuta lando ĉarma, bonodoranta ĝardeno de Dio.

**Fr. Franz Kister,**
Oblato de Mario Senmakula.

## Lando forgesita : Persujo

La influo de la « saracena » stilo sur la komencojn de la pentra arto en Italujo estas nekontestebla. Elfosaĵoj en Bulgarujo montris, ke la palacoj de la antikvaj bulgaraj reĝoj estas konstruitaj en sasanida stilo ; freskoj montris la reĝojn ĉasantaj, tute kiel la ŝahinŝahoj. (Ŝah in Ŝah - reĝo de la reĝoj : titolo de la persaj reĝoj). Oni trovis la fakton, ke la arkitekturo persa - armena ankaŭ en Suda Rusujo disvastiĝis. Same la monumentoj de Bizantio portis multajn signojn de ĝi. Oni scias, ke Kalifo de Cordoba venigis de Persujo la muzikiston Berbedo, kies famo plenigis la duoblan imperion islaman. Salerno profitis la medicinan sciencon, kiun Persujo heredis de la grekoj.

La persa spirito, per sia amo al la metafiziko kaj la teologia spekulacio, ne ĉesis elradii sian brilon en la landojn ĉirkaŭ Persujo kaj malproksimen. Avicenne, naskiĝinta en Susa, estas glorulo de la skolastiko islama-kristana, kaj la persaj filozofoj arabofobaj estas nenombreblaj ; se ili verkis en araba lingvo, ili tion plej ofte faris nur, por esti komprenataj en la tuta mondo islama. — Persujo estas la cerbo de la Islamo. La persa spirito repensis la Koranon, kiu plidelikatigis la regidecon iom konsternatan de la araba dogmatismo ; subtila laboro, por kiu la ŝejkoj kaj dervîŝoj iranaj sciis multe ĉerpi el kristanaj fontoj, kaj el kiu estiĝis la spirita doktrino de la Sufismo kun granda serio da mistikaj poetoj, de Jalaluddin Rùmi ĝis hodiaŭ. Tiuj persaj « spirituloj » estis la veraj apostoloj de la islama religio inter la hindaj loĝantaroj ;ili instruis al ili koni unu solan Dion kaj ami lin sindone. Hodiaŭ ankoraŭ kono de la persa lingvo kaj literaturo estas nepre

## MONDKONCEPTO

necesa por ĉiu klerulo loĝanta en Norda Hindujo ; kaj ĉi tio estas ankaŭ vera por Afganistano, Baluĉistano, kiel por kelkaj regionoj de Turkestano rusa aŭ Ĥina. En la Stambula Universitato kelkaj profesoroj estas de persa deveno, ĉefe tiuj, kiuj instruas la literaturon kaj la belajn artojn. Cetere la persa kulturo ĉiam estris en Turkujo, almenaŭ ĝis la hodiaŭa tempo de sovaĝa panturanismo. « Ĉiu kulturita musulmano serĉas en Persujo la muzikon, la lumon kaj la ardan sentadon ». Oni trovas, ke la irana gracio estas necesa por iom plimildigi la semidan naturon. Mahometanoj de la sekto «Ahmadiyya» antaŭ nelonge en London malfermis moskeon. Sur la fasado, alte, oni legas la Koranan formulon de la Ŝehada : « Lallaha illa 'Uah va Muhammad rasulullah ». Pli malalte, sur la pordego, oni skribis verson de la persa poezio : « Umnast dar mekam muhabbat, sarayi ma ». T. e. : « Estas sendanĝereco kaj paco en tiu loko de l'amo, kiu estas nia loĝejo. » Tio diras ĉion pri la rolo de la islama religio.

Sed Persujo sciis ankoraŭ pli bone radii en sia kristana epoko.

Eksiĝite de la Okcidento per edikto de la imperiestro Zeno (en la jaro 489), la persa eklezio montris al la oriento admirindan disvastiĝo- forton. En la 17-a jarcento la malkovro de la monumento de Si-ngan-fu permesis vidi la laboron de tiuj apostoloj, kies kredo lasas aperi neniam postsignon de nestoriana herezio. La ĥina parto de la surskribo estas laŭdire en lingvaĵo perfekte literatura, plena de aludoj al la ĥinaj ideoj, riĉa je esprimoj budhistaj kaj taoistaj, verkita de majstra mano, por bone prezenti la kristanan doktrinon. En la rakonto pri la vivo de Nia Sinjoro tie formulita troviĝas interesa postsigno de la persa tradicio pri la Sanktaj Tri Reĝoj — Magiistoj : « Luma stelo anoncis Lian naskiĝon kaj Persujo, rimarkante ĝian brilon, venis oferi al Li siajn donacojn. »

La persaj misiistoj en siaj vojaĝoj venis ĝis Pekin, kie ili fondis monaĥejon. El tiu monaĥejo la Catholicos de Bagdad venigis sian amikon Rablon Hormuzd, por sendi lin kiel ambasadoron al la eŭropaj potencoj. Ĥina historio rakontas, ke Hormuzd en Gascogne vizitis la reĝon Eduardon I-an de Anglujo, kiu montris al li la forton reprezentitan por la kristanaro per la unueco de la katolika Eŭropo sub la Episkopo de Romo.

Multege da ritoj kaj doktrinoj forte kristane koloritaj, kiujn oni trovas en Tibeto, en la Taoismo, kaj en la budhistaj komunumoj, kredeble venas de tiu unua elradiado de la kristana animo de Persujo.

Imperiestra edikto ĥina de 638 enhavas jenon : « La monaĥo A - lo - pen de Po - sze (Persujo) venis de tre malproksime kun Skribaĵoj kaj doktrino. Ni trovas ĝin bonega kaj disigita de la mondo. Ni rekonas, ke ĝi donas vivon al la homaro kaj ke ĝi estas necesega. Ĝi estas inda esti disvastigata tra la tuta Imperio Ĉiela. Monaĥejo estos konstruata per la registaro, ktp. »

La vojaĝanto Kosmas Indicopleustes trovis « persajn kristanojn » en Ceylon, en Hindujo, en la Insulo Socotora. La kristanaro de Malabar, ankoraŭ floranta, estas same frukto de la misia fervoro de la persoj.

En Suda Ĥinujo ankaŭ preĝejoj de persa deveno ekzistis, kaj la stato de kristanismo en Ĥinujo estis tiom prospera, ke en la 8-a jarcento la Patriarko Salibazka konsakris persan metropoliton por Ĥinujo.

La interna situacio de la persa Eklezio ne estis malinda de tiu granda misia disvastigo. La hierarkio estis forte organizita, monaĥoj kaj monaĥinoj ekzistis grandnombre, la liturgio frue evoluis kun multe da pleneco kaj riĉa pompo.

Kion la araba invado ne detruis kaj eble eĉ favoris, tion preskaŭ plene neniigis la terura katastrofo de la mongola invado, de Hulalu kaj de Dĵingis Khan, kaj nun oni devas serĉi en la montoj de Kaldeo la mizerajn restojn de la sira-persa eklezio. Sendube ĝia izoleco de la forta arbo roma multe helpis en tiu pereo. Sed la persa animo, tie en la vera Persujo de la poetoj kaj filozofoj vivas ankoraŭ, ĉiam luktante kun la premanta influo de la musulmana fanatikeco, kiu surmetis al ĝi religian lingvon, kiun la plej granda parto de la loĝantaro ne komprenas. La sama scivolemo pri la ideoj, kaj precipe la religiaj ideoj, vivas ankoraŭ profunda sento pri la historia kaj providencia grandeco de la irana nacio kaj ĝia kapableco denove fariĝi hejmo de intelekta kaj spirita vivo, centro de nova azia civilizo.

Ĉu tio estas sole revoj ? Aŭ ĉu tie estas popolo kun belegaj spiritaj kaj apostolaj talentoj atendanta sian Savanton ? Popolo atendanta Tiun, kiu provos preni, transformi, utiligi ĉiujn vivajn fortojn de la nacio, lin kolekti kaj pliproksimigi al ilia altega destino en Kristo Jesuo ? Kial dubi, ke la Reĝon de la Reĝoj atendas tiu inteligenta kaj fiera popolo, pri kiu poeto ankoraŭ vivanta povis diri : « Ni estas la almozuloj de la pordo de l'amo. » « Tial ĉiuj reĝoj de la tero almezpetas ĉe nia pordo. » Tio estas lia popolo, tiuj estas la ŝafoj de Lia paŝtejo. Li konas ilin profunde, li destinas ilin al sia unusola ŝafejo kaj malgraŭ la malfrua horo. Li volas doni « huic novissimo sicut et tibi ».

Kiel servi la Dian Paŝtiston en Liaj altaj mizerikordaj intencoj ? Ĉu oni ne devus decidi serĉi en la dezerto la disigitajn ŝafojn, interrilati kun la ĉefoj de la persa pensado, kun la kleruloj, la « junuloj », libere partopreni ilian vivadon, iliajn entuziasmojn, iliajn celojn, helpi ilin, fine trovi en Kristo la Ĉefon, kiu donos al ilia lando ĝian veran eternan gloron ?

## RELIGIO

Se la moskeoj kaj la teologiaj lernejoj musulmanaj ja estas fermitaj al nia agado, kio do malhelpas nin serĉi tiujn, kiuj formas la eliton — eliton ofte tre senlaboran — de la intelekta Persujo ? Ekzistas en Teheran, kaj iomete ĉie, kleraj homoj vojaĝintaj en Eŭropo, kiuj studis en Paris aŭ en Berlin. Ili estas preskaŭ perditaj por la Islamo, haltintaj en la evoluo, senigitaj de ĉiu idealo, de ĉiu vivanta kredo, de ĉio, kio povus ĝoje instigi ilin al feliĉa estonteco. Ĉu ni ne ŝuldas al tiuj senheredigitoj la donon de nia amo kaj de nia zorgo ? La penso pri tiom da latentaj fortoj entombigitaj en iliajn pezigitajn kaj malheligitajn animojn, kiujn ni povus liberigi por la servo de la Reĝo, devus aperigi al ni tre facila la oferon de niaj kutimoj kaj de niaj ŝatoj. La katolika vero perdus nenion, esprimante sin en unu el la plej belaj lingvoj de la mondo. Kristo atendas, ke oni parolu pri Li en la maniero de Firdusi kaj Attar.

Benu, Sinjoro, vian iranan popolon !

**P. Cyprien Rice, O. P.**

(El la « Bulletin des Missions »).

# Esperanto kaj la katolika geinstruitaro.

Okaze de nunjara Germana Esperanto-Kongreso en Köln la katolikoj ĉeestintaj unuigis sin en malgranda kunsido, en kiu nia ŝatata samideanino *Gertrud Adrian* faris tre interesan paroladon pri la signifo de Esperanto por la katolikaj geinstruistoj. Tio estas kampo nur malmulte kulturita, kaj estas sankta devo de nia katolika geinstruistaro preni la iniciativon, konsiderante, ke la socialistaj rondoj instruistaj jam multe antaŭis la katolikojn ankaŭ en tiu influafero. Jen la resumo de la parolado. Red.



JUNA ESKIMO-VIRINO.

Oni ofte aŭdas : la katolikaj geinstruistoj estas malprogresemaj kaj por tio ne ŝatas Esperanton. La tiel - dirantoj mem plejmulte uzas ĝin por siaj kontraŭreligiaj, socialistaj ktp. celoj. Estas vere, ke multaj instruistoj katolikaj opinias Esperanton nur taŭga por la disvastigo de tiuj ideoj. Ni do iomete pripensu, ĉu Esperanto ne havas grandan signifon speciale por la katolika geinstruistaro.

Ĉiu katolika instruisto kaj instruistino bezonas E- on por si mem. Vi eble ridas pri tia aserto. Sed pripensu : Ĉu ne ĉiu el ni deziras perfektigi sin mem ? Egale en kiu lernejo vi laboras, vi ĉiam bezonas bonan konon de via gepatra lingvo. Vi eble studas aŭ studis fremdajn lingvojn, por tiel atingi la celon. Sed mi supozas, ke nur malmultaj el vi vere konas la lingvon, scias la malmultajn lingvajn leĝojn, regulojn, kiuj estas nepre necesaj por reciproka homa komprenigo. Nur malmultaj scias, kiom da tute superflua balasto ni havas en niaj lingvoj, nur malmultaj scias, laŭ kiaj malregulaj, strangaj leĝoj evoluis nia gepatra lingvo. Rilate al vortfarado vi eble jam trovis plimulte da malreguloj ol reguloj. Nu, E. estas la ilo por ekkoni lingvan regulecon diktitan de logiko, por ek[illegible] la ofte tre amuzigajn, kapricajn regulojn en la gepatra lingvo, entute por ekscii kiel la gepatra lingvo evoluiĝas. Vi eble ofte jam diris al vi mem: mi devus pli bone studi lingvosciencon, sed ĉiam vi devis rezigni : la tempo mankas. Studanta E- on, vi samtempe venas al lingvoscienco. (Legu Collinson : E. kiel vojo al lingvoscienco.)

Sed studante E- on oni ne nur pliprofundigas siajn konojn de la gepatra lingvo. Scipovanto de E. posedas bonan ilon, por plivastigi sian horizonton (pardonu la germanismon !). Moderna, progresema instruisto ne limigas sin al la kono de enlandaj



**COPPER- ESKIMO**

**(La antaŭa kapoparto estas glatrazita).**

aferoj ; li volas informiĝi pri eksterlandaj! Ne diru, ke vi tion pli facile atingos per viaj fakgazetoj, kiuj ja raportas pri ĉiuj ĉefokazintaĵoj en la eksterlandaj pedagogio kaj instruarto. Mi ne volas nei tion. Sed ĉu vi volas pretendi, ke tiuj raportoj, plej ofte mallongaj resumoj povas anstataŭi personajn interrilatojn kun alilandaj kolegoj ? Certe ne ! Vi eble diros, ke oni pli bone povas korespondi kun tia kolego en ties.

# Angelo en la karcero.

**Ingeborg Maria Sick** skribis libron « *Mathilda Wrede*, anĝelo (de la enkarcerigitoj ») germanlingve, eldonejo J. F. Steinkopf, Stuttgart), el kiu ni tradukas malgrandan ĉapitron...

Kiu sidas malantaŭ la riglitaj pordoj ? Ĉu homoj de speciala raso, kiel ni emas kredi ? Ne ! homoj ili estas kiel ni, kiel vi kaj mi, kies naturo fariĝis tro potenca en ili kaj senbridiĝis. Eble, ĉar iliaj rilatoj estis pli malfavoraj ol niaj.

Jen sidas juna viro el Knopio, kondamnita je dumviva malliberecon. Malluman, sovaĝan vizaĝon li direktas al la pordo, surprizite pro la nekutima vidaĵo : Juna virina figuro eniras, sed neniun vorton li diras.

Komence Mathilda prezentas al li unu el siaj broŝuretoj kaj demandas, ĉu li volonte legus ĝin.

Tiam li diras : « Kio venas al vi en la kapon, ke vi venas ĉi tien ? Vi ja aspektas ĝoja kaj feliĉa, kaj ĉi tiu loko estas tro malhela kaj terura por vi. Kion vi volas ĉi tie ? »

Ŝi respondas, ke ŝi vere estas feliĉa — ĉar Dio riĉe donacis al ŝi sian amon. Sed nun ŝi volas porti ankaŭ ĉi tien la ĝojan sciigon.

Li movas la ŝultrojn, respondante : « Ha jes, vi do kredas je tiaj aĵoj. Sed mi tion ne faras. Jes, tian bonan junulinon, kia vi estas, la Disinjoro eble amas, sed pri ni viroj li ne zorgas, kaj certe ne pri ni malliberigitaj krimuloj. »

Ŝi respondas al li, ke li nur bezonas rigardi en la Ŝanktan Biblion, por vidi ion tute alian. Sed li devas peti Dion, ke li malfermu al li la okulojn, por ke li povu legi ĝuste.

« Ne, mi neniam havis la ideon preĝi » li rediras, « mi ja ne kredas, ke Dio aŭskultas miajn preĝojn. Kaj mi ja eble estas tre malbona homo, sed hipokriti mi ne volas ».

Ne, al pastroj kaj Eklezio li ĉiam montras evidentan malŝaton, li diras.

En lia sincereco estas io, kio plaĉas, tamen Mathilda staras kontraŭ li iom nesciante, kion fari, kiamaniere provi influi lin.

Subite la esprimo de lia vizaĝo fariĝas ankoraŭ pli malluma kaj pli senespera, sed, samtempe pli persona, pli atentema. Kaj Mathilda komprenas, ke nun venos io vere eliranta el lia koro.

« Ĉu vi scias, kio estas la plej terura ? » li demandas. « Esti ĉi tie malliberigita kun miaj propraj pensoj. Se mi rigardas mian vivon pasintan, mi povas rememori nur pri malbonaĵoj. Neniam mi faris ion bonan... Ho jes, mi ja helpis sekrete enigi tabakon en la malliberejon — sed ĉar tio ja estas tiom severe malpermesita, ĝi certe estas io malbona. Se mi do nur scius unu solan malgrandan bonan agon, je kiu mi povus pensi ! Tio estas al mi tre granda konsolo ».

Kompreneble Mathilda respondas, ke niaj propraj bonaj ago estas tro neperfektaj, por povi havigi al ni grandan ĝojon, sed ke la perfekta ago de alia estas nia savo. Tamen ĉiam denove ŝiaj pensoj turniĝas al tio, kion li diris. Ŝi devas helpi lin, ke li havu ion bonan homan agon, pri kiu li povas pensi. Ŝi devas meti tiun donaceton, kiun li postulas en lian malfeliĉan manon. De el tie ŝi povos trovi ligilon, povos instrui lin, kompreni ankaŭ aliajn aferojn... — Sed kiel ?

Jen venas al ŝi ideo... Ne, ne, — la realigo ŝajnas al ŝi tro malfacila.

Sed, se ŝi tiel povas helpi tiun homon ?

Ŝi scias, ke la malliberuloj ricevas ĉiumatene kruĉeton da biero kaj ke ili treege ŝatas tion. Do ŝi diras al la viro : « La kolo fariĝis al mi tute seka ĉi tie en la karcero. Ĉu vi ne bonvolos doni al mi ion por trinki ? » .

La malliberulo akre rigardas ŝin, dum kiam la sango fluas en lian kapon. Sed li ne etendas la manon al la kruĉo. — Ŝi ripetas sian peton.

« Tio do ne povas esti serioza, » li diras raŭkvoĉe. « Vi do ne povas trinki ĉe mi ».

Ĉu en tiu momento leviĝas antaŭ ŝia animo grandega bildo : fonto en Samario, je kies ŝtona rando sidas viro vojaĝolaca. Kaj antaŭ li staras malbonfama virino mirigite demandante : « Ĉu vi petas min, ke mi donu al vi por trinki ? » — ?

La viro el Knopio daŭrigas : « La filino de la guvernoro de Vasa ne povas trinki el malpura malliberula kruĉo ! Mi bone scias, kiel delikatsentaj estas altrangaj junulinoj en tiaj aferoj : Jam du estis ĉi tie kun via patro. Ili suprentiris siajn juponjn, por ke ili ne malpuriĝu, kvankam oni ĵus antaŭe purigis la plankon, kaj ili rigardadis nin, kvazaŭ ni havus la peston. Tiuj fraŭlinoj ne estus trinkintaj nian bieron — kaj ankaŭ vi tion ne faros ».

« Jes, jes », kaj ŝi petas lin denove, ĉu li bonvolos dividi ĝin kun ŝi.

Tiam li prenas tre neapetitan kruĉon de la breto kaj ĝin donas al ŝi. Kaj dum kiam ŝi metas ĝin je siaj lipoj, okazas io stranga : lia vizaĝo brilas. Ĝi ja estas nur mallonga ekbrilo, tamen ĝi estis tie.

Kiam ŝi dankante redonas al li la kruĉon, li diras : « Vi ne devas danki min — sed al mi hodiaŭ okazis io bona ».

Ŝi foriras, eble pensante, ĉu tiu « samariano » iutage petos ŝin, ke ŝi lin helpu trinki el pli riĉaj vazoj ?

Depost tiam ŝi regule vizitis lin. Kaj mallongan tempon poste ŝi travivis ion strangan en lia ĉelo...

gepatra lingvo. Sed pripensu, ke tiukaze aŭ vi nur povas korespondi kun kolegoj el du aŭ tri landoj aŭ vi devas koni multegon da lingvoj. Nuntempe oni ofte scias tro malmulte pri instruistaj aferoj en la tielnomataj malgrandaj landoj. Esperantista instruisto ne estas malhelpata per lingvaj malfacilaĵoj. Li povas korespondi kun kolegoj en ĉiuj landoj. Kaj precipe ni katolikaj geinstruistoj devas fari tion. Interrilati kun alilandaj katolikaj instruistoj estas sankta devo por mi. Ĉiu spertulo ja scias, ke nur en Germanujo oni celas forigi Kriston el la lernejo. En aliaj landoj oni parte jam sukcesis en tiaj klopodoj. Ĉu ni katolikaj geinstruistoj devas toleri tion ? Neniu el vi pridubas tion. Ni devas unuigi nin por defendi la religian lernejon en la tuta mondo. Sed forta unuiĝo de la tutmonda instruistaro katolika estas nur ebla, se ni havas komunan unuigilon, per kiu ni povas interŝanĝi niajn pensojn, niajn opiniojn, ideojn. Tiu interkomunikilo estas Esperanto. Ĉu vi nun ankoraŭ povas dubi pri la granda valoro de E. por la katolika instruistaro ? Ni estu progresemaj pro la bono de l' katolikismo, por defendi la regnon de Kristo ! Ni aranĝu internaciajn kongresojn, kie oni priparolos en E. la ilojn por defendi la katolikan lernejon. Tio estas nia devo, gekolegoj !

La katolika instruisto plie povas uzi E-on por informiĝi sin pri la katolika vivo en la tuta mondo. Tio estas bone ebla per legado de internacia gazeto katolika. Abonu Katolikan Mondon ! Kaj vi ne nur legos la gazeton. Vi havos interrilatojn kun alilandaj katolikoj, skribajn kaj buŝajn. Kiam venos la libertempo, vi traveturos aŭ tramarŝos fremdajn landojn, kaj buŝe, persone interrilatos kun viaj fratoj kaj kolegoj eksterlandaj. Tiujn personajn interrilatojn ne povas anstataŭi la plej bonaj libroj ka priskriboj pri eksterlandoj. Kiu ne volas havigi al si mem tiajn spertojn per E. ? Se vi tiel pliriĉiĝintaj je spertoj revenos el la libertempo, viaj kolegoj certe miros pri « tia progresema katoliko », kiu ja evidente pliprofundigis siajn spertojn, konojn fremdlandajn.

Kaj kial li faras tion ? Kial li ĉiamaniere memperfektigas sin ? Bona instruisto nur celas memperfektigon, por esti pli bona gvidanto de siaj infanoj. Nia tuta laboro ja estas laboro por la infanoj. Por tio ni uzu ĉiun ilon eblan. Mi dubas, ĉu ekzistas instruisto, kiu spertis la grandan valoron de E. por si mem, kaj ne uzas tiun ilon por la beno de siaj infanoj.

Certe, en la elementa lernejo oni ne volas instrui lingvosciencon. Nia celo estas pli modesta. « La infano bone scipovu kaj ĝuste uzu la lingvon » estas nia ĉefpostulo. Jam multaj instruistoj celis la enkondukon de fremdlingvo por pli facile atingi tiun celon. Sed nur en tre malmultaj lernejoj oni atingis tion, ĉar la tempo estas tro mallonga por la artistoj posedas tiun taŭgan, bonegan kaj malfacila ellernado de fremdlingvo. Ni Esperantistoj posedas tiun taŭgan, bonegan kaj tamen facilan lingvoekzercilon. (Ni katolikaj instruistoj nepre devas uzi ĝin. Oni ne diru kiel mi jam aŭdis en la Rejn- Vestfalia instruistdistrikto, ke bedaŭrinde la infanoj povas lerni E- on nur en la « libera » lernejo. Ekzistas gepatroj laboristaj, kiuj sendas la infanojn en tiajn lernejojn, kie E. estas instruata. Oni atentu tion !).

Nu, kion ni atingos per E ? Esperanto estas logike konstruita lingvo. La lernanta infano devas diferencigi akuzativon, dativon, nominativon. Vi tuj ekkomprenas, kion tio signifas por niaj infanoj ĉiam intermiksantaj « mir » kaj « mich » (al mi kaj min). Plue ili devas atenti adjektivon kaj adverbon, aktivon kaj pasivon. Per tio ili lernas la logikan pensmanieron, kiun oni volas atingi en la superaj lernejoj per matematika kaj fremdlingva studado, precipe per la antikvaj lingvoj. Sed mi kuraĝas aserti, ke niaj infanoj pli bone atingas tion per E. ol per la latina lingvo : ĉar lernante la latinan lingvon, ili devas encerbigi multajn neregulecojn nur historie kompreneblajn, kiuj nenion signifas por la ekzercado de la logika pensmaniero. E. estas do pli taŭga por tiu- ĉi celo, ĉar la infano nedevas lerni superfluajn, nenecesajn deklinaciojn, konjugaciojn ktp. Sed ankaŭ alia cirkonstanco pledas por la aplikado de E. La infano ne devas lerni tiel multajn vortojn, kiel en la naciaj lingvoj, ĉar ĝi povas mem formi ilin pere de afiksoj. La okaze de tiu vortfarado necesa analizo estas unika en la esperanta lingvo. Ĝi kondukas la infanon al diligenta observado de la reguloj respektive ne- reguloj, laŭ kiuj formiĝas la derivaĵoj en la gepatra lingvo. Tiu precisa observado baldaŭ montriĝos en la uzado de la gepatra lingvo, kaj lerneja inspektoro certe miros, ke la infanoj bone kaj pripense observas kaj uzas la gepatran lingvon. (Bona propagando !) Kaj la infanoj fariĝos ankaŭ iomete pripensemaj rilate al aliaj aferoj. El la instruistilo povas fariĝi edukilo.

Kvankam ni unuavice volas atingi lingvan perfektiĝon, ni ne akcentos tion dum la instruado. La infano mem nur imagu, ke ĝi lernas E- on por baldaŭ korespondi kun alilandanoj. Kiel eble plej baldaŭ oni komencu tian korespondadon, ĉar oni ne nur atingas perfektiĝon de la lingvaj konoj, sed ankaŭ interesigas la infanojn por la ekkono de fremdaj landoj. Ili ricevos poŝtaĵojn kun fremdaj poŝtmarkoj. Granda intereso. Kie troviĝas la lando, el kiu venas la marko ? Ni serĉu. Ha ! Tie. Kaj nun la urbo ? Ni jam havas ĝin. Poste ili serĉas la vojon kaj tiamaniere enmemorigas la ĉefajn fervojkaj ŝipliniojn.

Nur malfacile ili forgesos la tiamaniere lernitajn faktojn. Unue la plej granda intereson ili havos por la ilustritaj poŝtkartoj.

Sed poste — ju pli ili majstras E- on, des pli ili deziras vere korespondadi ; ili volas scii kelkion pri la hist[illegible] de tiu lando, ties literaturo, vivo ktp. Ili legas tradukon de iu literatura verko kaj mem petas siajn korespondantojn klarigi al ili tiun aŭ alian aferon. Multon ili sciiĝas tiamaniere pri la vivo, kutimoj, pensmaniero, religiaj ceremonioj de la enloĝantoj, Kompreneble la junaj korespondemuloj anoncos en katolika Esperanto-gazeto kaj unue precipe korespondos kun alilandaj katolikoj. Tio estas plej grava por la tuta edukado. (Finota.)

# La isoleco de la katolikoj en Anglujo.

Ofte oni diris, ke angloj estas la plej malafablaj homoj en la mondo. Tio eble estas vera, kaj la kaŭzoj citataj por nia defendo estas klimataj kondiĉoj kaj geografia situacio.

La riproĉo de malafableco estas ankaŭ farata kontraŭ la anglaj katolikoj de iliaj nekatolikaj konatuloj.

Ĝis certa punkto tio estas vera kaj ŝajnas esti la rezulto de la vivado en landon, kie la granda plimulto de la loĝantaro estas ne nur nekatolika, sed komplete indiferenta pri ĉiuj formoj de religio.

Vivi katolikan vivon inter homoj, kies rigardo en preskaŭ ĉiuj kazoj estas indiferenta kaj en multaj kazoj idolana, nature havas la rezulton, malfortigi la rilaton al niaj samlandanoj. Kiel ni ĉiuj scias, esti praktika katoliko ŝanĝas la tutan vivrigardon kaj tiu sama rigardo influas niajn opiniojn pri multaj socialaj problemoj de la tago. La multe diskutata demando de eksedziĝo donas taŭgan ekzemplon de tio.

Alia punkto, kiu favoras la izolecon, estas la fakto, ke nenia parto de Anglujo povas esti nomata katolika un escepto de Lancashire. Niaj nombroj, malgrandaj en ĉiuj tempoj, estas dissemitaj super la tutan landon. Multaj aliaj eŭropaj landoj, kie la loĝantaro eble estas ĉefe protestanta, havas almenaŭ unu regionon, kiu estas tute katolika, sed bedaŭrinde tio ne estas en Anglujo.

Sekve la katolikoj estas devigataj vivi en atmosfero, kiu nur povas esti priskribata kiel idolana, kaj ili havas praktike nenian okazon diskuti temojn, kiuj estas de plej granda intereso kaj de plej alta graveco.

Tio estas la kaŭzo de la « malafableco » kiun niaj nekatolikaj geamikoj riproĉas al ni, sed kiun ni nomas « izoleco ».

**Grace M. Branney.** (London)

# LA KATOLIKISMO
## EN MADAGASKARO.

Madagaskaro estas laŭ ĝia grandeco la tria insulo de la mondo — sole Aŭstralio kaj Borneo estas pli grandaj — kaj egalas preskaŭ Francujon, Belgujon kaj Nederlandon kune. Madagaskaro montras grandan strangan miksaĵon de ĉiaj naturaj kaj moralaj fenomenoj kiel eble neniu alia parto de la globo; tio treege malfaciligas la taskon formuli sintezan juĝon. La cirkonstancoj radikale diferenciĝas de unu loko al alia, kaj la civiliza agado havas tiom variajn rezultojn, ke li ne permesas starigi ĝeneralan juĝon. Tio ankaŭ koncernas la misiojn.

Trovite en la jaro 1506 de Lorenzo Almeida, la insulo vidis komence nur unutagajn gastojn, portugalojn, anglojn, kaj nederlandanojn, kiujn tro forte allogis la fabelaj riĉaĵoj de Hindujo. La insulo Madagaskaro ne interesis ilin. La praktika rigardo de Richelieu tamen ekkonis, kiom da utilo povus rezulti por la franca komerco per posedo de Madagaskaro : 1642 li ordonis okupi ĝin.

Antaŭ tiu tempo Madagaskaro preskaŭ tute ne aŭdis la predikadon de la evangelio. Trifoje oni raportas pri ĉeesto de misiistoj en la insulo. 1540 portugalaj pastroj akompanis siajn samlandanojn en la Sud-Orienton kaj lasis masakri sin kun ili ; 1585 je la marbordo mortis dominikano, venenigite per la indiĝenoj. Fine en la jaro 1620 du jesuitaj pastroj alvenas al la kortego de la malgaŝa reĝo de Anosy, rekondukante kun si el Goa la filon de tiu princo, kiun portugala kapitano 1615 havis la strangan ideon forkonduki por kristanigi lin. La monarko unue dankis al la misiistoj por ilia valora redono de sia filio, poste li lasis malsati ilin. Unu mortis per la mizero. La alia devis foriri de la negastema lando, dum ke la ekslernanto de Goa, en kiun oni metis tiom da esperoj, revenis al siaj idoloj.

Laŭ la volo de Louis XIV kaj direktite de Sankta Vincento de Paŭlo la lazarista misio aktivege klopodis en Madagaskaro 1648-1674. La misio kostis la vivon de 17 patroj, 10 fratoj kaj 4 aliaj pastroj. Sed malbona sorto paralizis la belajn klopodojn ; multaj misiistoj mortis, kaj multaj novaj, kiuj venis el Eŭropo, estas disigitaj aŭ pereis survoje per la pesto kaj per la hispanaj piratoj. Tamen la misio bona progresis ĝis la tago, kiam la mallerteco de la guvernoroj kaj la ekscesoj de la francaj soldatoj kaj marĉandistoj estigis revolucion kontraŭ la francoj (1674). Louis XIV tiam ordonis forlasi la insulon kaj malpermesis, ke oni iru tien.

1815 la insulo preskaŭ estus fariĝinta brita posedaĵo. Tion nur malhelpis la lerta politiko de franca misiisto.

1830 la jesuitoj faris novan provon, kiu tamen kiel la antaŭaj klopodoj malsukcesis.

Fine en 1861 okaze de la alveno de la reĝo Radama la misiado estas bone organizita. Unue venis jesuitoj, poste lazaristoj, baldaŭ ankaŭ Patroj de la Sankta Spirito kaj tiuj de La Salette, kaj fine Norbertinoj kaj Trinitatanoj.

Diversaj politikaj, cirkonstancoj grave helpis aŭ malhelpis en la historio de Madag-

askaro la misiadon. Kelkfoje ili kaŭzis amasajn konvertiĝojn,ekzemple ĉe la franca venko 1868 ; sed tiuj konvertoj ne daŭris, kiel oni esperis, precipe kiam la franca registaro pruvis sian « neutralecon » en religiaj aferoj kaj eknomis protestantan guvernoron.

Depost 1906 la ĉikanoj de la antiklerikala politiko forte malhelpis la fervoron de la misiistoj ; ili kaŭzis la fermon de 900 lernejoj el la 1200 ekzistintaj. Oni retiris preskaŭ 80000 lernantojn el la katolikaj lernejoj, kies lernantaro atingis la ciferon 100000. La jena statistiko montras la sekvojn de tiu politiko en Tananarivo :

| Jaro | Lernantoj |
|---|---|
| 1890 | 17.336 |
| 1900 | 82.787 |
| 1910 | 7,410 |
| 1920 | 8.493 |
| 1924 | 12.481 |

La lerneja persekuto havis rezultojn des pli bedaŭrindajn, ĉar la katolikaj lernejoj havis tre belan influon sur la indiĝenan animon tute penetritan de superstiĉoj, kiuj estas granda malhelpo al la Kredo. Ankaŭ la katolikaj indiĝenoj ankoraŭ ne plene liberiĝis de la superstiĉaj ideoj nek de la kutimoj kaŭzitaj per ili. La ideo de la kristana edzeco kaj de ĝia resolvebleco estas tre malfacile akceptata de la indiĝeno. La progresoj konstatitaj lasttempe precipe en la vikariejo de Tananarivo tamen estas tre kuraĝigaj. La proporcio de la eksedziĝoj, kiu estis 15 % en la unuaj jaroj, falis al 8 %, poste 6 %. Madagaskaro konsistas el ses apostolaj vikariejoj.

La tuta insulo inkluzive helkaj malgrandaj najbaraj insuloj havas 3.620.076 enloĝantoj (1924), el kiuj 347.030 ricevis la bapton kaj ĉirkaŭ 38000 prepariĝas al ĝi. Jen la statistika tabelo.

| jaro | katolikoj | pastroj | fratinoj | lernejoj |
|---|---|---|---|---|
| 1869 | 1.850 | 9 | — | 5 |
| 1882 | 80.905 | 48 | 20 | ? |
| 1901 | 114.000 | 67 | 107 | 950 |
| 1915 | 261.125 | ? | 209 | — |
| 1924 | 353.030 | 154 | 473 | 1300 |

Do pli ol dekono de la loĝantaro estas katolika.

La formado de la indiĝenaj pastroj donas grandajn esperojn. 1911 la jesuitoj jam kreis la unuan embrion de indiĝena pastraro :

Kvar malgaŝaj pastroj estas konsekritaj, kiuj nun ankoraŭ misias inter siaj samnacianoj. En la lasta jaro 9 indiĝenoj estas konsekritaj per la manoj de Mgr. de Saune, apostola vikario de Tananrivo. Bedaŭrinde la pesto en unu sola semajno mortigis tri el ili. Nun 90 lernantoj estas en la malgrandaj seminarioj, 11 studas filozofion kaj 5 teologion.

Antaŭ la lasta franca okupo la protestantoj estis farintaj tre aktivan propagandon ; nun la nombro de iliaj anoj ŝajnas malkreski. Laŭ « World Missionary Atlas » ili estas 267.907 baptitoj kaj 90.702 katehumenoj. El tiuj « komuniantoj » kaj preskaŭ 40 » pastroj ».

Konvertiĝoj de la protestantismo al la katolikismo estas tre oftaj ; en la jaro 1925 la nombro en la Tananarivo estis 3.000, la sama nombro kiel tiu de idolanaj konvertiĝoj. En la lasta jaro (1926) inter la 4.500 konvertiĝoj de Fianarantsoa 1.000 estis de protestantoj.

# Tra la Misia Mondo.

La lasta numero de [illegible] Missions » eldonata de la benediktanoj de St.-André en Belgujo enhavas serion da artikoloj de tute speciala intereso.

Unue granda novaĵo : la vizito de la ĉinaj episkopoj en Eŭropo, kiuj kunvenigis en Ĉinujon P. Lebbe C. M. ; ĉi tiu transdonis al la abatejo de St-André la gvidadon de la katolikaj ĉinaj studentoj, kiujn lia apostola fervoro konvertis kaj grupigis en la Asocio de la Katolika Ĉina Junularo. (Vidu ankaŭ J. B.)

En Ĉinujo la katolika universitata movado evoluas : La Katolika Universitato de Peking, pri kiu parolas D. Hubert Vanderhoven, prioro de St.-André, estos katolika centro de alta ĉina kulturo ; ĝia sidejo estas la belega ĉina palaco de la Princo Tsai Tao ; ĝi promesas admirindan sukceson.

De Ĉinujo ni iru al «Lando forgesita : Persujo «R. P. Cyprien Rice O. P. rememorigas, kion la eŭropa civilizo ŝuldas al la persa genio kaj kiel la kristanismo grandiĝis en tiu lando tiel, ke ĝi havis tie 18000 martirojn. Persujo estis la intelekto de la Jslamo, sed ĝi sciis konservi sian iranan karakteron. La persa elito estas malpli ol iam ligita al la islamo ; la latentaj fortoj de raso admirinde talentita atendas la Evangelion, kiu donos al la persa animo la tutan profundecon, kies ĝi estas kapabla (Kun afabla permeso de la B. d. M. ni publikigas tiun treege atentindan artikolon en K. M.)

La protestantaj misioj meritas esti pli atentataj. Artikolo pri la konferenco de Zonte (sept. 1926) montras la direktivojn de la protestantismo en Afriko : kunlaborado inter misiistoj kaj urbregistaroj ktp.

Legante la Bultenon de la Misioj, oni komprenas pli bone certajn erarojn, kiujn Romo klopodos plej baldaŭ kuraci. Oni ne respektis la vivajn elementojn, kiujn enhavas kelkaj primitivaj civilizoj. Precipe tio klariĝas el artikolo pri la agado de R. P. Aupiais en Dahome : La civilizo Dahomea » kia ĝi estas malkaŝata al ni de tiu apostolo de Afriko.

La sama numero publikigas je la fino studon de R. P. Raux de la Blankaj Patroj pri « la Eklezio kaj la Preĝa Spirito ĉe la Nigruloj de Uganda » bonega monografio pri tio, kio estas la animo de la apostolado. P Raux montras, kiel la preĝo levas ĝis la pastreco katolika la animon de idolanoj, kiuj hieraŭ ankoraŭ eĉ ne konis la nomon de Kristo.

Ĉi tiu rapida okulrigardo eble instigos majn legantojn, kiuj komprenas francan lingvon, ke ili mem prenu en siajn manojn revuon tiel bonege redaktatan kaj dokumentatan. Ĝia adreso estas Abbaye St.-André, Lophem-lez-Bruges, Belg.

# Schopenhauer kaj Budha.

Ke Schopenhauer estas unu el la « plej grandaj » filozofoj germanaj de la 19-a jarcento, ni kuraĝus diri nur kun multaj rezervoj. Sed ke li estas unu el la « plej konataj » ni senhezite konfirmas. Generale li estas konata pro sia ekstrema pesimismo kaj sia antipatio kontraŭ... la virinoj. Li do ne estis feministo, kaj tial oni konsideras lin pensulo... serioza.

Arthur Schopenhauer naskiĝis 1788 en Danzig. Gajninte la doktortitolon en Jena, li vivis en Dresden kaj Weimar, ĝis la tago, kiam li eniris la profesoran kolegaron de Berlin (1840). Li retiris sin al Frankfurt 1853 ĝis lia morto.

Laŭ lia rekomendo oni enskribis sur lian tombon de nigra granito nur liajn nomonkaj antaŭnomon. Sendube li volis per tio adaptiĝi al la principoj de sia filozofio, laŭ kiu ĉio ekzistanta en la mondo estas nur... ŝajno, ombro... la homo kiel ĉio alia.

Se Arthur Schopenhauer estas filozofo kaj moralisto, aŭtoro de « Die Welt als Wille und Vorstellung », « Die beiden Grundprobleme der Ethik » ktp., li estis ankaŭ kaj precipe... bonzo laika, se tiaj ekzistas. Kiel « disĉiplo » de Budha li studis la orientan civilizon, ĉefe la hindan civilizon kaj la instruon de Lao-Tse (Taoismo aŭ ĉina monismo), kiu pli malpli similas al tiu de Sakyamouni (Laŭ P. Wieger S. J. la taoismo estas « en grandaj linioj ĉina adepto de la samtempa hinda doktrino de la Upaniŝadoj »).

En « Die Welt als Wille und Vorstellung » (La mondo kiel volo kaj imago), dika volumo pli ol milpaĝa, Schopenhuer volas pruvi, ke ĉio, kio estas, estas nur ombro pasanta. Do vi kaj mi, kara leganto, estas laŭ Schopenhauer du fantomoj, vi «fantomo-leganto » kaj mi « fantomo- verkisto » kaj la artikolo mem,kiun mi en ĉi tiu momento respektplene al vi prezentas, estas nur fantomo... Kiom amuze, esti filozofo !

Ja ekzistas formo, mondo reala, el kiu devenas ĉiuj fantomoj : Tiun formon, tiun realan mondon Schopenhauer nomas Volo (Wille). Kaj tiu Volo estas nevidebla : la fantomoj ne vidas ĝin : Ili sentas ĝin per la « genia intuicio ». Ni aldonu — kvankam ni ne tro multe komprenas pri ĝi — ke tiu Volo estas unika, sendependa, libera, ke ĝi agas sen celo kaj ripozo, sed blinde kaj senfine...

Kaj ĉar ni ja estas fantomoj vivantaj en fantomoj ne vidas ĝin : Ili sentas ĝin per la blinda Volo, ne estas mirige, ke ni neniam povas trovi realan feliĉon, ke ni ne povas liberiĝi de niaj penoj, ekzemple mi de la verkado de artikolo, kaj vi, kara leganto, de ĝia legado !

Tamen ekzistas ilo por foriĝi de tiu malfeliĉo eterna : sufiĉas, ke la fantomoj eliru el ĉi tiu mondo por vivi en la formo, en la Volo, kiu estas la mondo reala, vera, la paradizo de Schopenhauer.

Sed kiel, per kia ilo eniri en tiun promesitan landon ? Schopenhuer mem ne scias tion, kaj ne estas neeble, ke li ankoraŭ estas serĉanta !

Kia ajn estas la valoro de la filozofia principo de Schopenhauer, ĝi estas la sama kiel tiu de Budha. Laŭ la budhismo la mondo estas nur ombro, fonto de ĉiuj mizeroj. Por liberiĝi de tiuj mizeroj, la homo devas forkuri de ĉi tiu mondo por eniri en la Nirvana'n, la « Volon » de Schopenhauer.

Schopenhauer diras en « Die Welt als Wille und Vorstellung » (IV 48, p. 76) ; Se Nirvana estas definata kiel la Nenio, tio signifas, ke ĉi tiu mondo ne enhavas eĉ unu solan elementon, kiu povus servi por defini aŭ konstrui la Nirvana,n (« Wenn Nirvana als das Nichts definiert wird, so will dies nur sagen, dass der Sansara kein einziges Element enthält, welches zur Definition oder Konstruktion des Nirvana dienen könnte ».)

La budhistoj kiel Schopenhauer diras, ke ĉio, kio estas en ĉi tiu mondo, estas direktata per formo, kaj tiun formon — la Volo laŭ la germana filozofo — la Upaniŝadoj de la hinduoj nomas Brahma.

El ĉio ĉi Schopenhauer tiras jenan logikan dedukton : Ĉar ĉiuj fantomoj devenas de unu sola formo, nome, la Volo, povas ekzisti nur unu sola estaĵo en la mondo (monismo). Do vi, kaj mi, kara leganto, kaj ĉi tiu artikolo, kiun vi legas, ni estas esence unu sola persono, aŭ pli ekzakte unu sola fantomo, ombro de tiu mistera Volo, kiun nek vi nek mi havas la feliĉon kaj la plezuron koni, ĉar ni bedaŭrinde ankoraŭ ne posedas la « genian intuicion » de Schopenhauer.

Tio estas la teoria aspekto de la doktrino. Schopenhauer donas praktikan aplikon en alia voluma verko titolita « Die beiden Grundprobleme der Ethik » (la du fundamentaj problemoj de la etiko). Jen ili :

Kial vi, kara leganto, kompatas min, mizeran fantomon ?

Kaj Schopenhauer respondas : « Ho, tio ne estas malfacile kompreneble ! — ĉar vi kaj via leganto estas unu kaj sama persono ! — »

Kaj jen **la** filozofio. Bonan vesperon !

**Siao Tong Fang.**

# EKLEZIA REVUO

### ANGLUJO.

VISCOUNT ASQUITH KATOLIKA. — Estas notinde, ke la juna Viscount Asquith, nepo de la famkonata eksĉefministro Lord Oxford, estas katolika edukata. La patro mortis en la milito 1916, la patrino kun siaj infanoj konvertiĝis 1924 al la katolikismo.

### AÛSTRALIO.

En la NOVA ĈEFURBO de la Australian Commonwealth (Ligo de la Aûstraliaj Ŝtatoj) CANBERRA, kiu estas tute nove konstruita kaj kiun baldaû inaûguros la Duko de York, filo de la reĝo de Anglujo, la 30 januaron la ĉefepiskopo de Sidney metis la fondoŝtonon per la unua katolika preĝejo. En la sama tago la ĉefepiskopo de Melbourne solene metis la fondoŝtonon de katolika monaĥejo.

### AZIO.

*Du francaj jesuitoj*, P. P. Vanara kaj Dugont, estas *mortigitaj* per la trupoj de la Kantona Armeo.

### BELGUJO.

Al la *episkopoj de Meksiko* la belga episkoparo sendis simpatileteron, 17 febr.

*Kondamno de la flandra « aktivismo »* per letero de Mgr Gustave-Joseph Waffelaert, episkopo de Bruges, 20 febr.

### FRANCUJO.

*Definitiva kondamno de la «Action française»*, ekskomuniigo de ĉiuj, kiuj ne sekvas la ekleziajn ordonojn, eksigo de ĉiuj pastroj subtenantaj la A. F. Vatikana dekreto subskribita de Kardinalo Frühwirth.

*Mgr Ruch*, episkopo de Strasbourg, en kongreso de la katolika junularo en Colmar (20 febr.) sin defendis kontraû la atakoj de la Action Française.

### PERSONAJ SCIIGOJ.

ITALUJO. — En Romo mortis 16 febr. Kardinalo grafo *Vittore-Amadeo Ranuzzi de Bianchi*, 69-jara, kardinalpastra depost 1916.

POLUJO. — 11 febr. mortis Mgr *Stanislas de Zdzitowiecki*, episkopo de Wloclawek, 73-jara. Nova helpepiskopo de *Lodz* (episkopo estas Mgr Vincent Pyrmieniecki) estas depost 25 febr. Mgr *Kasimir Tomczak*, titola episkopo de Sicca-Veneria, ĝis nun profesoro de teologio en la seminario de Warszawa.

GERMANUJO. — 22 febr. mortis Mgr Heinrich *Joeppen*, prusa armeepiskopo, titola episkopo de Cisamus, 63-jara.

BELGUJO. — En Bruxelles mortis *Chev. de Ghellinck d'Elseghem*, 1920-1912 katolika deputito, depost 1922 senatano.

U. S. A. — La nova episkopo de Mobile (depost 28 febr.) estas Mgr. Thomas *Toolen*.

### LA VATIKANO.

*Don Bosco*, fondinto de la Salesianoj, baldaû estos proklamata benata. 20 febr. estis la legado pri la heroeco de liaj virtoj.

### NEDERLANDO.

LA KATOLIKA INSTRUISTA ASOCIO skribis al la *meksika ambasadoro* en Den Haag, ke li donu al ĝi nomojn kaj adresojn de ĉiuj meksikaj instruistoj, kiuj pro konsciencaj kaûzoj eksiĝis el sia ofico. La asocio volas finance helpi ilin en la nunaj malfacilaĵoj.

### RUSUJO.

En *Leningrad* oni arestis multajn katolikajn pastrojn (22 febr.) kaj retiris la permeson por katolikaj preĝejoj.

### La « ALIAJ ».

En *Usono* en la jaro 1926 la ekleziaj eldonis entute por karitaj celoj 676.000.000 dolarojn !

### RECENZEJO

*Linhardt*, Dr. theol. Robert, *Brennender Dornbusch*. Vorträge zur Lebensgestaltung im Geiste des Evangeliums. 2 Bande. 8°. Zweiter Band : Pfingstkreis. (VI u. 156 S.) Freiburg i. Br. 1927. Herder. M. 3, — ; geb. in Leinwand M. 4.50

La lerteco de la aûtoro prediki el la vivo por la vivo manifestas sin en tiu ĉi dua parto eble pli klare ol en la unua. La multvariaj sortoj de la moderna animo estas priparolataj en delikata kaj forta maniero.

# NIA MOVADO.

Saluton al ĉiuj niaj legantoj el Köln, la mondkonata Rejnurbo, el na nuna sidejo de administracio kaj redakcio de KM. Sekve de la transloĝiĝo la maja numero aperis iomete pli malfrue. Ni klopodos elirigi la pluajn numerojn je la 10-a de ĉiu monato. Krome ni klopodos pri riĉenhavo de KM, evitante ĉiujn presbatalojn kontraû samkredanaj revuoj malgraû ke ni estas ĉiumonate atakataj senkaûze kaj senjuste. Sed ni fidas al la helpado kaj kunlaborado de niaj multnombraj kaj multlandanaj geamikoj. Do ni petegas niajn legantojn sendi pli ofte sciigojn pri la katolika Esperanto-movado. Ni bone scias, ke ankaû en Polujo, Aûstrujo, Hispanujo, Francujo, Hungarujo, Italujo kaj majtaj aliaj landoj, kie KM. havas legantojn, ekzistas vigla Esperanto-movado. Ni tute ne volas fari nian KM. kluborgano, sed tamen estas nepre necese, ke niaj abonantoj sciiĝas la ĉefsciindaĵojn pri la diverslandaj movadoj esperantaj, por ke ili ne estu devigataj aboni aliajn nekatolikajn revuojn.

* * *

En **Köln** okazis je Pasko la nunjara Germana Esperanto-kongreso. La katolikaj kongresistoj renkontis sin en malgranda, sed tre interesa kunsido. Fraûlino **Gertrud Adrian,** agema okcidentgermana samideanino, faris belegan paroladon pri la signifo de Esperanto por la katolika geinstruistaro. Ni publikigas tiun paroladon en la hodiaûa numero. Anstataûante la pioniron de la okcid[illegible]rmana katolika Esperanto-movado, kapelanon **Wachowski,** kiu estis malhelpita pro siaj pastraj devoj, parolis s-no Thômmes pri la katolika mondmovado esperanta. Sekvis tre interesa diskutado, je kiu partoprenis precipe Köln-aj kaj aliaj rejnlandanaj geinstruistoj.

Okaze de la kongreso nia samideano prof. **Lâufer** el Mainz faris tre instruan paroladon pri ĥemia temo.

En **Breslaû** okazis la 7 febr. la jarkunsido de « Unueco ». Nia s-no Eduard **Pankalla** estas la 1-a prezidanto. La ĉiusemajnaj kunsidoj estas en **la** Vinzenzhaus, lunde.

**Novaj kursoj** komenciĝos en la proksimaj semajnoj en **Barmen, Essen, Elberfeld, Köln,** kaj en aliaj urboj de Okcidentgermanujo.



## Abonprezoj por la jaro 1927

| | | | |
|---|---|---|---|
| Anglujo | 1 s | Hungarujo | 1.2 Pen. |
| Argèntino | 0.75 po | Italujo | 5 lir. |
| Azio | 1 s | Japanujo | 1 s. |
| Aùstralio | 1 s | Jugoslavujo | 15 din. |
| Aùstrujo | 1.7 s | Latvujo | 2.5 lit. |
| Belgujo | 1.7 bel. | Litovujo | 1 s. |
| Brazilio | 2 mr | Luksemburgo | 6 fr. |
| Bulgarujo | 30 lew. | Meksiko | 0.25 d. |
| Cehoslovakujo | 7 kc | Nederlando | 0.7 fl. |
| Centra Ameriko | 0.25 dol | Polujo | 2 Zl. |
| Danujo | 1 kr | Portugalujo | 4 esc. |
| Danzigio | 1 s | Rumanujo | 40 lei |
| Francujo | 6 fr. | Svedujo | 1 kr. |
| Germanujo | 1 RM | Svisujo | 1.25 fr. |
| Grekujo | 18 drah | Usono | 0.25 d. |
| Hispanujo | 1.5 pes. | | |

**Ciuj prezoj estas kvaronjaraj kaj pagotaj antaûe.**



### Hungara Fremdulafera Studentkomisiono ekuzis Esperanton !

Jam de kelkaj jaroj funkcias la Hungara Fremdulafera Studentkomisiono, starigita de ĉiuj studentkorporacioj en Hungarlando. H. F. S. estas registare rekonita kaj finance subtenita. Tiamaniere ĝi sukcesis aranĝi dum lastaj 4 jaroj proksimume 150 studentkaravanojn (kun 4500 partoprenintoj) venintajn al Hungarujo. Ĝi organizis Internacian Studentkonferencon en Parad (hungara belega banurbeto) en 1923 kaj ĝi reprezentas ĉe studentkonferencoj la hungarajn universitatanojn.

Nun por siaj praktikaj celoj ĝi volas enkonduki ankaû Esperanto. Ĝi starigis Esperantan referaton sub gvido de s-ro Alfonzo Pechen kaj organizis kurson por studentoj vojaĝontaj somerę eksterlanden. Esp.-referato de H. F. S. do petas ĉiujn studentojn izolajn, studentunuiĝojn kaj ĉiun Esperantiston al amika kunhelpo por organizo de tutmonda interrilatiĝo. Adreso por korespondaĵoj kaj informpetoj :

Esperanta referato de Hungara Fremdulafera Studentkomisiono Budapest, IV. Muzeum Kôrut 41. félem. Hungarujo.

# Tra la Esperanto Mondo.

Por montri al niaj multnombraj geamikoj, kiamaniere la diversaj Esperanto- societoj de l'mondo uzadas Esperanton por siaj celoj, ni donos al niaj legantoj provajojn el la plej eminentaj Esperanto-revuoj. Ni tute ne per tia resumo povos kaj volos nek alpercepti la ideojn de nekatolikaj movadoj nek rekomendi ilin al nia legantaro. Tamen ni kredas, ke la legantoj de KM. estas sufiĉe kleraj, por diferencigi la « grenŝelojn de la tritiko ». Krome ni pli ofte estas petitaj, publikigi sciindaĵojn el la Esperanto-movado de l'mondo. Ni komencas ĉi tiun rubrikon per artikolo el la rimarkinda japana Esperanto-revuo « *Oomoto* », kiu estas la organo de la Universala Homama Asocio. Oni atentu la kontaktpunktojn inter la katolika kaj tiu nova religia movado. Redakcio.

## VIVO KAJ MORTO.

Azumahiko, misiisto de Ananai-kjo, iris sian propagandan vojaĝon vespere tra la kampo de Kusuno. Renkontis lin unu viro nomata Tokikoo, kiu timis, preninte lin kiel aliformiĝon de monstro, pri kiu oni paroladas en tiu ĉi distrikto.

Kelkan tempon ili interbabiladis. Tiam subite aŭdiĝis bela sono kaj ekaromis ĉirkaŭe. La nuna rakonto sekvas tiun ĉi okazajon.

Ravita de serena muziksono kaj dolĉa aromo, Tokikoo sin sentis vaganta en sonĝo kaj kvazaŭ delirulo rigardadis supren al la ĉielo, de kie venas la ĉarma trilo

Neĝe flirtante, faladis belaj florpetaloj nedistingeblaj, ĉu pruna, ĉeriza aŭ persika ; la parfumo fariĝis ĉiam pli forta, kaj la sonado de la muziko pli kaj pli mistera, kun mirinda melodio.

Azumahiko : — Nu, kara Tokikoo, la kurtenoj de viaj okuloj jam ne plu pendas ? la kovraĵoj de viaj oreloj sin demetis, kaj tiu de la nazo ankaŭ ?

Tokikoo : — Jes, ja, strange ! Mia koro subite sin ekmalfermis kiel floro de lotuso.

Azumahiko : — Do, ĉu vi ankoraŭ nun povas pensi min monstro ?

Tokikoo :—— Jes, sinjoro, —— sed de bona senco ! Mi ankoraŭ ne tute forigas la suspekton nur per tio. Sed mi deziras aŭdi vin, kiel vi povis diri jue antaŭe, ke mi vivadis jam antaŭ dekmiloj da jaroj.

Azumahiko : —— Ĉi tiun fojon vi aŭskultu al mi serioze. Homo naskiĝis de Diaj spiroj (akveco kaj fajreco). Dio vivas eterne, senkomence kaj senfine. Disdonita spirito de Dio ja fariĝas homo. Korpo estas la ujo de homo aŭ kapelo de Dio, sed ne homo mem. Per tiu ĉi korpo homo devas laboradi kiel la filoj de Dio. Kaj dum al la korpo venas kaduko kaj morto, la homa esenco tamen eterne vivadas, ripetante morton kaj renaskiĝon. Por diri alimaniere, li forlasas korpon, kiam ĝi fariĝas tute malnova kaj neuzebla, kaj transenloĝiĝas en novan. Morto do ne estas afero malĝojinda, ĉar tio signifas nur transiron al la nova korpo trans la tombo. Esence ĉe Dio ne ekzistas la diferenco de vivo kaj morto. Homo de l' disspirito de Dio memkompreneble same. Nunaj homoj konsideras morton io tre malŝatinda, sed tio estas menio grava ĉe l'esenco de homo...

Tokikoo : —— Tiam, kial al mi mem ne estas klara la deveno de miavivo ? Se vi diras la veron, mi devus esti memoranta kie kaj kun kia nomo mi vivis la antaŭan vivon ; kaj per kia maniero mi naskiĝis en la nunan vivon. Kaj kial do la morto, — se tio estas indiferenta al la esenco de homo, — al ni ŝajnas tiel malŝatinda eĉ ĝis la plej lasta momento ?

Azumahiko : —— Jen, tio estas la favoro de Dio. Ĉar se vi memorus ankoraŭ ĝis hodiaŭ, ke vi faris tiajn kaj ĉi tiajn aferojn, kaj ke vi havis tiajn feliĉojn en via antaŭa vivo, venadus al vi sendube, ĉe ĉiu malfacileco, kiun vi renkontos, la penso, ke estas ja pli bone preferi morton kaj vivi refoje en la spirita mondo, ol vivresti sur la tero, plena de suferoj kaj bataloj ; kaj tiel vi ne plenumus la devon de homo. Homo estas sendita al tiu ĉi mondo por plenumi laboron alfiditajn de Dio. Kaj ke homo havas malinklinon al morto, devenas de tiu Dia Volo, ke li vivu kiel eble pli longe en la reala mondo kaj faru bonon eĉ unu pli multe, servante en la Dia entrepreno kaj plenumante lian propran devon. Por diri, la veron, —— kvankam mi timas vian miskomprenon, —— en la spirita mondo estas multe pli feliĉe kaj plezure ol en la reala mondo. Okazos post certaj jaroj, mi kredas, ke ni vidos nin reciproke en la spirita mondo kaj interparolos dirante : « O, Sinjoro Azumahiko !», « Ho, vi estas mia Tokikoo ?! », « Kiel vi fartas ? », « Ha bone ; kaj kiam do vi mortis ? », « Jes, mi apenaŭ ekrememoras, ke mi iam mortis!», kaj tiel plu...

Tokikoo : —— Ĉu efektive ?! Se estas tiel, devus esti pli feliĉe morti frue, ol ŝarĝi sin per multe da pekoj, vivante tiel longe kiel mi !

Azumahiko : —— Jen vi jam enfalas en tian ideon, pro kio mi ne ŝatus paroli al vi pri la spirita mondo ! Nenie estas pli bona loko, ol ĉi tiu nia mondo. Homo ne devas forlasi arbitre tiun ĉi mondon, antaŭ ol Dio sendos al li la anĝelon por lin akompanigi en la spiritan mondon, sub la konfirmo, ke li jam finis perfekte siándevon kaj la servon al Dio, farante dume ĉiujn bonojn al si alfiditajn. Kiel ajn oni deziregas morti memvole, tio absolute ne estas ebla sen permeso de Dio.

Tokikoo : —— Nun, mi komprenis, sinjoro ; sed mi volas demandi plu : kiam mi estis infano, mi sciis ja nenion ; sed tamen efektive de infenco ni devas scii multe, se ni havas la disspiriton de Dio mem, tiel potenca, vivante jam de nekalkulebla pratempo. Mia scio, kiel ŝajnas, estis akirita iom post iom, pro la influoj eksteraj. Kiel vi volus klarigi al mi pri tio ?

Azumahiko : —— Ĉar la korpo de infano estas malgranda kaj malforta, la spirito en ĝi estas konforma je tiu korpo. Lia tuta spirito plene enloĝiĝas kaj laboras post kiam lia korpo iĝis plenkreska. Tial oni povas diri, ke homo daŭrigas renaskiĝadon iom post iom en la propra korpo ĝis li atingos la plenaĝon.

Tokikoo : —— Ĉu do la homa esenco bezonas dudek jarojn krom dek monatoj da enventra restado, por perfekte renaskiĝi ?

Azumahiko : —— Ne estas erano tiel pensi... Sed, Tokikoo, bone memoru, ke kvankam pli bona estas la spirita mondo, kiel mi diris antaŭe, tamen la cirkonstanco o[illegible]tute alia ĉe malbonuloj ; nepovas reveni feliĉan kaj komfortan lokon tiuj, kiuj dum la surtera vivo ĉiam parolis aŭ agis malbone kaj ne plenumis la homan devon, sed ja devas enfali en la Regnon de Fundo kaj tie havi turmentadon por eterne. Homo nepre devas fari bonojn kiom eble plej multe dum li vivas korpe.

Tokikoo : —— Dank' al viaj preciza j klarigoj mi nun atingis pli bonan komprenon. Sed, ĉar mi timas, ke mi forgesos, se mi aŭskultus vin unufoje tro multe, konservu, mi petas, aliajn por la venonta okazo.

Azumahiko : —— Nu, ni ekiru denove ! Nokta vojaĝo estas tre ofte pli amuza...

* * *

**Francujo.** Ĉiu eksterlandano, kiu restadas en Paris pli longe, devas preni ĉe la Ĉefpolicejo personan karton. Tie pendas afiŝo enhavanta ĉiujn informojn por eksterlandanoj. Sed en kiom da lingvoj babilonaj ? Tutsimple ! En franca lingvo kaj en — Esperanto.

En **Wien** okazis antaŭ nelonge kiel en la tuta mondo, memorsolenoj je la eternfama Beethoven, al kiu ankaŭ partoprenis la franca ministro de publika instruado, Herriot. Nome de la Esperanto-organizacio de la urbaj oficistoj bonvenigis la urba financkonsilisto Frey la francan ministron kaj prezentis la referaton pri la ŝtata Esperanto- ekzamenkomisio.

Herriot, kiu estas granda Esperanto-amiko, akceptis afable la refaraton enhavanta la ŝtatajn Esperanto- ordonojn en Aŭstrujo.

La **7a Mondkongreso de la laboristaj esperantistoj** estos aranĝata la 12 - 16an de Aŭgusto en Lyon.

**Lernejoj, Esperanto kaj la pacomovado.**

En **Praha** okazis Paskon kongreso kunvokita de la Internacia Edukadoficejo en Genèves. Kongresteimo estis, kiamaniere la lernejo povas fariĝi instrumento de l' paco. Proksimume 400 delegitoj el 18 eŭropaj ŝtatoj kaj el Ameriko partoprenis. Esperanto estas la kongreslingvo. Profesoro Pierre de Vet el Genèves la Profesoro de la Harvard - Universitato, D-ro Preczott, kaj la gimnazia direktoro d-ro Friedrich el **Brno** pritraktadis la temon « Pacedukado kaj infanpsikologio ».

Ĉiuj referatintoj atentigis pri la plejoftan militeman spiriton de la historiaj lernlibroj kaj postulis reformadon.

**La aviadistoj kaj Esperanto.** Clifford B. Harmon, la fama amerika aviadisto kaj prezidanto de Internacia Aviadista Ligo diris : « Ĉar inter la mondlandoj ne jam ekzistas distancoj, sed momente la spiritoj ankoraŭ estas tiel malprokiimigitaj kiel antaŭ jarcentoj, mi opinias, ke ni ne devas heziti uzi Esperanton, kiu montris siajn grandajn preferojn kaj mem sukcese estas pruvita. Mi estus tre kontenta, se ĉiuj aviadistoj de l' mondo de nun volos lerni Esperanton, kiu al ili estus — nenecese por diri — estus tre utila. »

Nia amiko Romulo Zeballos **Morales** en **Montevideo** sendis al ni la gazeton « El Democrata », kiu enhavas tradukon el KM. pri fondado de katolika laborista Esperanto- Ligo.

Okaze de la **deka datreveno de la mortotago de Zamenhof** la polaj samideanoj metis en Warszawa grandegan florkronon sur la tombon de la majstro. Profesoro Bujwid faris paroladon.

La ministro de l' Trafiko de **Sudslavujo** aprobis, ke en ĉiuj **vagonaroj** sudslavaj, destinitaj por internacia trafiko, Esperanto estu aplikata sur oficialaj afiŝoj kaj avizoj. Sekve de tiu dekreto la surskriboj en vagonoj, kiel « Ne kraĉu », « Alarmbremso » ktp. estonte estos akompanataj de la teksto en Esperanto.

La **Internaciaj Foiroj** de Frankfurt, Danzig, Leipzig, Lyon, Paris, Praha, Reichenberg kaj Budapest eldonis Esperanto- prospektojn.

La urba Trafikoficejo de **Koln** (Städtisches Verkehrsamt) aperigis antaŭ kelkaj semajnoj belegan ilustritan prospekton pri la Rejn- metropolo.

## ĈIU KATOLIKO

devas kunlabori kaj helpi en disvastigado de la Dia Regno sur le tero ; ĉiu katoliko povas sukcese kunlabori. aliĝante kiel **helpanto kaj helpantino al la SODALICIO DE S. PETRO KLAVER.** Jara kotizo 25 centoj usonaj. **Animaj profitoj :** multenombraj indulgencoj kaj aliaj animutiloj, donitaj de la Sankta Apostola Seĝo al la anoj de tiu ĉi misia helpa unuiĝo ; **anima komuneco** kun ĉiuj ordenoj kaj societoj misiaj, kun kiuj la Sodalicio estas kunigita kaj partopreno je la sanktaj mesoj, komunioj kaj preĝoj de multnombraj misiistoj kaj monahinoj misiaj, subvenciitaj de la Sodalicio ; partopreno precipe je la preĝoj de la **elaĉetitaj kaj baptitaj nigruloj kaj negraj sklavoj.**

Por enlistigi sin sufiĉas indiki la nomon kun adreso kaj transsendi la **unuan kotizon al** unu el jenaj adresoj.

**ADRESOJ DE FILIOJ KAJ KANCELARIOJ**

**de la Klavera Sodalicio estas :**

| | |
|---|---|
| **Sodalizio di S. P. Claver** | **Sodality of S. P. Claver** |
| **ROMA (23)** | **St.LOUIS, MO, Usono** |
| **via dell'Olmata, 16** | **Fullerston Building** |
| — | **Seventh and Pine Street** |
| **ZUG, str. de S. Oswaldo 15.** | **Svislando** |
| **SALZBURG. Dreifaltigkeitsgasse 19.** | **Austrujo** |
| **MUNCHEN, Gabelsbergerstr 5.** | **Germanujo** |
| **BRESLAU IX, Hirschstr. 33** | **»** |
| **KOELN, Maria Ablassplatz 10a.** | **»** |
| **BERLIN O. 27, Magazinstr. 1.** | **»** |
| **STRASBOURG, pl. Broglie 9.** | |
| | **Lotaringio** |
| **WARZAWA, Warecka 15 m. 7.** | **Polujo** |
| **KRAKOW, sw. Marka 25.** | **»** |
| **POZNAN, Szimanskiego 6.** | **»** |

Knabopensiono ĉe la instruista seminario en **FELDKIRCH** (Vorarlberg). Estas akceptataj en popola kaj burĝa lernejoj knaboj 6 ĝis 13 jarojns. aĝaj. Transirebleco en la komercan lernejon kaj en la instruistan seminarion. Okazo por lerni fremdlingvojn kaj muzikon. Belega, sana situo, malkaraj prezoj. Aliĝoj kaj akceptokondiĉoj de la direktoro.

**Esperoriĉa misijaro finiĝis. Kriadego malsupreniris de la Petro-roko kaj vekis en milionoj da fidelaj katolikokoroj entuziasman eĥon.**

**KRISTO, REĜO DE L'POPOLOJ KAJ TEMPOJ !**

**KRISTO DEVAS REGNI !**

**Kaj venis de Romo dua vorto, plena da peteganta ardo : « Malkvietplene ni ĉiam denove pensadas pri la nombrego da milmilionoj da idolanoj ! Vi ĉiuj helpu, alkonduki ilin al Kristo la Reĝo ! » — Ĉu tio ne estis vokado de Kristo ? Ĉu ne estis**

## la ekkrio de l'alkrucigito

**kiu devas vidi sangaokule kaj en elrevigita koro, ke ankoraù mil milionoj da liaj elaĉetitaj sopiregas en idolaneco ? — La ekkrio trairas la landojn, ĝi skuis la korojn. Tiam naskiĝis nia voloamo :**

**Sed nun antaùen al farado ! Tiel triste estas ekvidi, ke ankoraù tiom multaj flankestaras de la granda misimovado, ke ili ankoraù estas malmolaj kaj malvarmaj je la mizero kaj sopirado de la milmilionoj, seninteresaj pri la oferado kaj laborado de niaj misiistoj. Kio ĉi tie mankas ? Ĉu la misia ekkono ? Kion oni ne konas, tio lasas malvarme la koron, pro tio oni ne laboradas.**

**Do helpu nin, superpontigi la disigan malproksimon inter misio kaj hejmo ! Ne nur legantoj estu, sed ankaù propagandantoj de niaj misiorevuoj ! Tio estas la plej facila kaj plej malmultekosta, sed la unua kaj plej necesa misia servo. Ĉiuj anoj de la Franziskus-Missionsvereins ja ricevas senkoste nian « Weltmission », sed krome ĉiu, precipe la klerika katoliko devus aboni la plej grandan kaj plej malnovan germanan misiorevuon.**

## " Die Katholischen Missionen „

**2.25 RM. kvaronjare aù —.75 RM. monate ĉiu devas oferi por ĝia abono. 2 ½ fenigoj por ĉiu jartago ! Diru mem, geamikoj, ĉu tia ofero povas esti nomata granda, se oni devas alkonduki spiritojn al nia dia reĝo ? — Do abonu, ni vin petegas, niajn «Katholische Missionen » ĉe la proksima poŝtoficeo aù pere de administracio de « Katolika Mondo ». La jarkolekto komenciĝas la 1-an de januaro.**

**Aachen je Epifanio 1927.**
(Germ.)

**PAPA AGADO DE LA KREDO-DISVASTIGO.**

## Kataluna Esperantisto

Ĉiumonata 16-paĝa gazeto

**OFICIALA ORGANO**

DE LA

**INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ**

Plej bonaj verkaJoj de plej bonaj aùtoroj ĉieaj
Tradicie tre bona laù stilo kaj preso

**JARABONO :**
6 SVISAJ frankoj aù 1,50 usonaj dolaroj egalvaloro efektivigebla en Barcelona

**Adr. : CARRER VALÈNCIA, 245-Barcelona**

## INTERLAKEN

(SVISUJO)

Hotelo Eintracht, 3 minutoj de ĉefstacidomo kaj vaporŝiphaltejo. Familia domo, renovigita. Unuakvalita kuirmaniero.

Pensionprezo de sv. fr. 7,50 — 9.

**Posedanto : Weingart-Achermann**

## - CANNES -

**FRANCA RIVIERO**

**Pastro Profesoro Laùreato de la Franca Akademio akceptas en**
**FAMILIO-PENSIONON**
junulojn kaj sinjorojn kiuj volas lerni francan lingvon en **Francujo** mem.

Ankaù estas akceptataj junuloj, pastroj, sinjoroj, kiuj pro sia sanstato aù pro alia kauzo bezonas restadon ĉe la Riviero.

**Sunbanoj - Marbanoj - Familia vivo**
Malfermata dum la tuta jaro
Por prospektoj aù informoj skribu al
**Villa de Lorrière, CANNES, Franc.**

## BONAN AGON

furas, kiu subtenas la necesegan preĝejan konstruon en Sattledt (Aùstrujo). La episkopo de Linz rekomendis favore la konstruadon, nia abato inaùguris la fundamentan ŝtonon la 26 an de Septembro 1926. Multe jam oferis la loĝantaro de Sattledt kaj ĉirkaùaĵo, sed sen fremda helpo fini la konstruon estas neeble.

En Sattledt ekzistas lernejo, sed enkoraù ne preĝejo. La multenombro de la infanoj kaj multaj maljunuloj povas viziti Diservon nur rare, ĉar la proksima preĝejo en Kremsmünster distancas de Sattledt unu horon kaj duonon.

Ĉis nun la fundamentoj de la nova preĝejo estas finitaj. La konstruado nur estos efektivigebla, se multaj unuanime kunhelpadas. La pripenso, ke ankaù ni iam mallonga vivo baldaù estos finata, alkondukos miajn karajn amikojn al kunlaboro je la preĝeja konstruado en Sattledt kaj ĉirkaùaĵo, je ŝojo de ni ĉiuj, tie kaj ĉi tie. En la amo de Jesuo salutas ĉiujn tutkore.

**P. WISINTO OSB.**
*FISCHLHAM BEI LAMBACH*
*AUSTRUJO.*

La eldonejo de KM. volonte akceptas oferojn. Oni pagu per la postcekaj kontoj au per bankbiletoj, sciigante, ke la sumo estas destinota por Sattledt.

**GESAMIDEANOJ**

mendu poŝtkartojn kun la bildo «Kristo de la Andoj » !

**PREZOJ :**
50 kartoj 3 sv. fr., 2.25 RM, 100 kartoj 5 sv. fr. 4.— RM 500 kartoj 22 sv. fr. 17.50 RM, 1000 kartoj 40.— sv. fr. 32.— RM.

*Grupoj kaj abonantoj mendu tuj! Sendu laùvolan sumon, kaj vi ricevos tiom da kartoj, kiom ĝi valoras !*

**KATOLIKA MONDO, KOLN-Lindenthal**

**BRESSANONE** *(Brixen), Italujo. Kastelo Reinegg. Refreŝhejmo por junuloj. Plej bona manĝol kaj vartoj, moderaj prezoj.*

## POLA ESPERANTISTO

**Sola gazeto esperanta en Polujo. Aperas monate 16 paĝa, lukse eldonita. Enhavas : artikolojn pri vivo, kulturo kaj scienco en Polujo ; revuon de esperantista movado pollanda kaj tutmonda ; tradukojn de plej belaj poemoj kaj verkoj el la pola literaturo kaj m. a. - Jara abono nur 1 dolaro USA. - Postulu senpagan specimenon de administracio: KRAKOW, Smolenska, 9 (Polujo).**

## RILATE AL ELEKTO PRI PROFESIO !

*Kiu amante Dion kaj la animojn volas kiel interna membro de la Sodalicio de Sankta Petro Klaver* dediĉi sian vivon al animsavado *de la kompatindaj negroj, ciutempe estos akceptata en la noviciaj domoj de l'Sodalicio nome MARIO de l'BONA KONSILO, en Roma kaj CLAVERIANUM en Salzburg (Aûstrujo).*

*Precipe fraûlinoj instruitaj kaj posedantaj fremdajn lingvojn tie trovos okazon por utiligi sciadon kaj talenton helpante la misiojn. Ankau VIRGINOJ trapasinte nur unuagradan lernejon. povosciantaj la servistan laboradon sin enlistigu !*

*Detalojn pri la religia instituto kaj pri kondiĉoj de anigo por internaj membroj pritraktas specialaj prospektoj.*

*Deklaron por enlistigo kune kun atesto de kondukto. baptatesto, mallonga aûtobiografio kaj fotografio oni sendu al la :*

**Ĉefa prezidantino de l'Sodalicio de S. Petro Klaver, sia grafina mosto M. Falkenhayn.**
**ROMA, (23), via dell'Olmata, 16.**

**Por germanlingvaj legantoj !**

Jus aperis en la eldonejo de KM. :

## Frieden oder Krieg ?

Parolado de P. **Theophil Ohlmeier,** O. F. M.

La leginda libreto reprenzentas samtempe bonegan propagandilon por Esperanto kaj Ika. Ni do rekomendas al ĉiuj legantoj kaj Ika- grupoj germanlingvaj, ke ili tuj mendu la malmultekostan broŝureton. Jen la prezoj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 ekz. | 20 Pfg. | | |
| 20 » | 17½ » | po ekz. | |
| 50 » | 15 » | » | » |
| 70 » | 12½ » | » | » |
| 100 » | 12 » | » | » |
| 200 » | 10 » | » | » |

**KATOLIKA MONDO**
**Köln-Lindenthal.**